# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

Google Translate Plena Ilustrita Vortaro

**PLENUMITA 16/03/2017 Tricentdektria eldono (unua eldono 20/09/2011)**





Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




SENDATA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Oni povos metu siajn nomon, retadreson, kaj nomon de siaj lando kaj urbo al la ricevanta listo rspring@tpg.com.au

Ekstudis pli ol **770,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

**La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**



http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# GRAMATIKA EKZERCO. 12.



La epitetoj kun adjektiva sufikso post verba radiko, (ofte participoj), povas ĉehavi difinantan Objekton aŭ Adjekton, kiel en 1). La ĈION manĝema kapro (Sub.) penas maĉi (Pred.) la DE KAPROJ nemanĝeblan teksaĵon (Obj.)". 2). La SUR LA AKVO flotantaj folioj (Sub.) forlasis siajn DE LA VENTEGO skuatajn arbojn (Obj.) kaj trovos sian DE DIO deciditan finon (Obj.) en LA VERMOJN loĝiganta fundo de la INTER LA MONTOJ trovata lago(Adjekto).

Malofte, sed eble, la epiteto ĉe frazkerna substantivo povas difinati de rilata subpropozicio, subfrazo. Jen unu: "Ni trovis la tiel facilan, KE NI FINIS ĜIN EN UNU HORO, laboron (Obj.) tiom agrabla, KE NI DECIDIS REFARI ĜIN (Predikativo).".

Marcel Leereveld.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Komentoj pri novaĵoj aperintaj en AE

## "Ĉu estas Hitler kiu decidis fari la Duan Mondmiliton?"



Peter Weide

Marcel demandas: "Ĉu estas Hitler kiu decidis fari la Duan Mondmiliton?"
Mi ofte bedaŭras, ke oni limigas la diskuton al la Dua Mondmilito. Ĉu ĝi venis subite, surprize kaj neatendite? La pafado komenciĝis en 1939, sed ĉu ne eble la Dua Mondmilito komenciĝis 1933, kiam Hitler fariĝis kanceliero? La pli grava demando estas "Kiel povis konstruiĝi tiu en ĉiuj facetoj tiom senkompata kaj kruela sistemo?". Kaj se oni ne nur volas uzi la tiamajn

terurajôjn faritajn de la naziistoj por festi sian propran bonecon (Kio por multaj eŭropaj ŝtatoj signifas esti forgesinta pri la nigraj makuloj en la propra historio.) devas kun nia scio pri la multaj tragedioj post 1945 tuj aldoniĝi la demando: Kiel ni povas preventi tiajn eksplodojn de homa krueleco?
Ŝajnas al mi, ke la homaro ĝis nun ne trovis mondvaste efikan respondon.
La demando farita de Marcel, kion la usona ferindustrio deziras, levas la pripensojn en la nunan tempon. Usono, kelkaj aliaj ŝtatoj kaj kelkaj religiaj fanatikuloj montras, ke denove kreskas la nombro de homoj, kiuj pretas kredi al certaj demagogoj la aserton, ke ili, la adorantoj de tiuj ratkaptistoj, estas pli valoraj homoj ol la aliaj. Ĉu ne tiel komencis siatempe?
Amike,
Peter Weide



## La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo
La 18a de Marto estos la tria Sabato. Venu. *Mi ĉeestas tiun bonan Esperantan klubon Roger Springer*

(Por havi raporton en AE, via klubo sendu informon/raporton al AE)

# AEA informas.

**Aŭstralia Esperanto-Asocio** C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2017-03-09 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon ĉeestis:
Heather, Joanne, Jonathan, Sandor; Ilia el Indonezio, Bradley el NZ

### (1) DUA TRILANDA KONGRESO EN BEKASI (28/3 – 2/4/2018)

Ni daŭrigas la preparadon por la dua trilanda kongreso en Marto 2018 en Bekasi.
* Ni akceptis la alian proponitan hotelon Horison en Bekasi
($72/ persono kun la uzado de kvar salonoj)
* Ni invitis Humphrey Tonkin. Li montris intereson veni .Ĉiuj konsentis ke ni "serioze" daŭrigu negoci kun li.
* Ni diskutis kelkajn eblajn artistojn por la kongreso. Kelkaj ŝatis Zhou-Mack Mafuila. …. Ni decidos venontfoje.
* Ni ankaŭ diskutis la budĝeton por la kongreso. Heather sendos ĝin al Ilia por pli profunda diskuto venontfoje.

## (2) AMIKUMU

Tiu apo estas baldaŭ preta. Bv subteni la projekton.
https://amikumu.com/eo/

## (3) NIA VENONTA SOMERKURSARO/KONGRESO JANUARO 2019

Ni daŭrigis la diskuton pri la loko de nia somerkursaro/kongreso en Januaro 2019: Novzelando? Adelajdo? Bradley esploros….. Joanne preferas eventon ene de Aŭstralio.

## (4) KIU ESTAS KIU?

Katja Steele kaj Charles Stevenson komencis krei libr(et)on pri aktivaj esperantistoj en Aŭstralio. Vivantaj kaj mortintaj.
AEA subtenos la projekton kaj promesis presi la libron kiam ĝi estos preta.
Bv kontribui kiam Katja kaj Charles petas vin kontribui.

Venonta kunveno: 23/03/2017 je la 17:00-a (Melburna tempo)

*Esther, Heather, Joanne, Jonathan, Sandor*

# Mia soldata vivo.



En Nederlando antaŭ la dua mondmilito junaj viroj, ne la junaj virinoj, devis je la aĝo de dek-ok jaroj militservi dum duona jaro (en Francujo tiam estis du jarojn). Jaron antaŭ tio mi, kiel ĉiuj junuloj, intervjuatis por ekscii, en kiu parto de la armeo mi deziris servi. Kiam la militisto demandis tion al mi, mi diris ke mi havas tri dezirojn. Unue mi deziris servi en la parto kie oni malmulte bezonas labori kaj marŝekzercadi. Due ne pli ol la minimumon de duona jaro, ĉar tio dependis de la rango. Kaj trie ju pli poste des pli bone. La armea intervjuisto faris tion kaj metis min en la parton de la artilerio en kiu mi devis lerni kaj praktiki la morsosignaladon, lerni ripari la instrumentojn, kaj krome nutri kaj purigi la ĉevalojn kiujn la tutan jaron servantaj artileristoj rajdis kaj kiuj ĉevaloj devis tiri la plej pezajn kanonojn en la armeo. La kompatindaj ĉevaloj servis sian tutan vivon, malpost ol morti aŭ malsani. Mi ŝatis la elekton de la intervjuisto, ĉar mia servo komenciĝis duonan jaron post la aliaj kaj ĉar mi ŝatis ĉevalojn kaj ĉar la signalado estis facila afero kaj oni ne praktikis ĝin kiam pluvis, kaj ni tiam povis legi libron aŭ ripozi. Ni neniam praktikis marŝadon en la artilerio, kaj ni krome estis la nuraj kiuj ricevis krom panon ankaŭ grandan bovlon da dika supo en la mateno. Kvankam iun tagon kamarado mia, kiu en normala vivo estis buĉisto, trovis en la supo la uteron de bovino, kaj ne plu volis manĝi la supojn. Al mi tio ne gravis: se oni manĝas beston, kial ne manĝi ĉiun eblan parton? Cetere malpost kaj post la soldatado mi estis vegetarano, sed la armeo ne sciis kio estas vegetarismo. Do mi manĝis kion ili riĉe disdonis. Mi ne deziris malsatmorti. Certe ne en la aĝo de 18.





La brunajn panojn oni ĉiumatene ĵetis sur niajn litojn, dum ni laboris. Mi, kiel la aliaj, manĝis nur tre malmulte da pano, pro la dika supo. Do ĉiusemajnfine mi hejmen prenis plurajn pezajn panojn por plezurigi miajn senlaborajn gepatrojn . Ili estis freŝaj, ĉar ĉiutage mi sekrete interŝanĝis aliies.

Purigi ĉevalojn estis facila laboro, escepte la hufojn, por kio oni devis levi la ĉevalajn piedojn, kiuj lastaj povas frapi vin se la ĉevalo ne ŝatas vin. Unu ĉevalo kiun mi timis purigi jam frapmortigis unu soldaton. Sed se estis mia vico, mi devis trakti lin. Li estis batalema kaj daŭre penis piedfrapi min. Alia ĉevalo, origine el cirko, estis aminda; mi penis havi ŝian vicon, ĉar ŝi kisis min se mi petis.



Post kvar monatoj ni devis ekzamenati pri niaj kapabloj pri la signalado. Hazarde mi estis la plej bona en la kompanio, sed ĉar mi timis ke oni pro tio faros min serĝento, kiu ja devis servi plian duonjaron, mi zorgis ke mi malsukcesu la ekzamenon en la skriba kaj en la praktika parto. Sed la serĝenta kaj la kapitana instruistoj sciis mian nivelon, do donis al mi la ŝancon refari la ekzamenon, kaj ĉiuj aliaj devis fari ĝin kune kun mi. Estante nur dekokjara kaj volante kontraŭstari la armeon, mi en la dua ekzameno ree malsukcesis. Nun ambaŭ instruistoj komprenis, ke mi bojkotis la ekzamenojn, kvankam ili ne sciis mian tialon, eviti pli longan servon. Oni nomas tian reziston "pasiva kontraŭstaro", forte punebla. Sed la kapitano decidis trian ekzamenon, sed nur kun li kaj la serĝento kaj, kiel mi je la fino de la servo eksciis, por ĵeti min en la malliberejon. Eĉ tiun mi malsukcesis, kvankam mi estis nervema ĉar mi sciis ke ili sciis, kaj mi havis la tutan forton de la armeo kontraŭ mi.



Sed neniu povis pruvi ion. Eble pro tio aŭ eble ĉar, kiel mi poste eksciis, la simpatia serĝento konvinkis la koleregan kapitanon ne enmalliberejigi min. Por la resto de la tempo mi estis kunlaborema soldato, ne sciante kio okazos. Sed mi kaj alia malsukcesinto, ne tre inteligenta, devis fari la tie nur pezan laboron, ne kiel punon sed laŭ la reguloj. Mi ŝatis la fortan laboron, sed mi bedaŭris por mia kamarado, kiu korpe estis tre malforta kaj suferis pro la laboro.

Ĉiu soldato rajtis hejmiri unu semajnfinon en la monato, sed mi sukcesis hejmiri ĉiun semajnon, ĉar mi sukcesis "aĉeti" la permeson de miaj kamaradoj kiuj preferis mian monon ol sian libertempon.

Tamen mi havis alian sperton preskaŭ ĵetati en la malliberejon pro alia "krimo". Ĉar la pafekzercoj ĉiam estis sabatmatene, antaŭ la semajnfino, mi estis surda dum du postaj tagoj. Tio rezultis en surdadon ĉe mia familio. Do unufoje la pafado estis eĉ doloriga al miaj oreloj kaj mi ekkriis al mia apuda kamarado "Tiu damnita armeo ruinigas miajn orelojn". Hazarde kaj nesciate, altrangulo staris apude, aŭdis min, kaj intervjuis min pri la krimo. Ree poste nenio okazis, eble ree pro la instruista serĝento, kaj mi libere finis mian duonjaran soldatservon.

Ankaŭ en la pafado mi bonegis kaj bedaŭrinde por la armeo mi ne havis la ŝancon mortigi multajn. (daŭrigota) *Marcel Leereveld.*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




# Captain Katie:
# The Pirate Allergic to Gluten.

Februaro 17a, 2017

**Jen nova libro kiu estas en la angla KAJ en Esperanto!**

https://www.amazon.com/dp/1543197361/ref=cm_sw_r_cp_ep_dp_skCXybXZVE0BP Amike, *Nicole Else*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ĉu Esperanto estas izola lingvo ?



Ekzistas lingvoj, en kiuj la vortoj estas izolaj, ĉar iliaj radikoj ne povas ŝanĝiĝi nek ricevi finaĵojn, afiksojn, kaj derivaĵojn. Iliaj radikoj estas vortoj neŝanĝeblaj. Ili nomiĝas "izolaj lingvoj", ĉar ĉiu vorto izoliĝas en sin mem. Laŭ mia scio, neniu eŭropa lingvo estas "izola", kvankam kelkaj el iliaj radikoj, ekz. konjunkcioj, estas izolaj vortoj, nome ili ne povas ŝanĝiĝi. La kontraŭo de la izolaj lingvoj estas la neizolaj, nome tiuj kies radikoj aŭ vortoj povas ŝanĝiĝi aŭ almenaŭ ricevi finaĵojn kaj afiksojn. Ili estas ekz. ĉiuj aŭ preskaŭ ĉiuj eŭropaj lingvoj, inkl. de Volapŭk, Ido, kaj Esperanto. Hazarde ĉiuj aŭ preskaŭ ĉiuj el ili povas fari, por novaj nocioj, novajn vortojn aŭ vortkombinaĵojn el ekzistantaj radikoj.

La neizolaj lingvoj dividiĝas en du grupojn: la analizaj, en kiuj oni kreas novan vortesprimon kombinante du vortojn kun intera vorteto, ofte neŭtrala prepozicio, ekz. la franca "drap de lit". En ĉiuj novaj vortesprimoj, vortkombinaĵoj, en analizaj lingvoj, la unua vorto estas la ĉefelemento, analoge al ĉe la frazo, la propozicio, en kiu la ĉefelemento, la Subjekto, kutime komencas la frazon. Ĉe kelkaj el tiuj "analizaj" lingvoj, ekz. la malaja, mankas la intera vorteto: ekz. "kepala setasion" signifas "mastro stacidomo" do "de la stacidomo". Ree la ĉefelemento situas unue, kiel en ĉiuj tiaj analizaj lingvoj.

La aliaj lingvoj de la neizola grupo estas la sintezaj lingvoj. Ili faras por novaj nocioj novajn vortojn kunmetante du ekzistantajn radikojn tiel ke la du elementoj kungluiĝas en unu vorton kaj kie la ĉefelemento situas laste, post la flankelemento(j) sed antaŭ la eventuale necesaj finaĵoj, ekz. "la tablotukojn", the tablecloths. Nur ĉi tiaj lingvoj, la sintezaj, nomiĝas aglutinaj lingvoj ĉar la procedo tiel kunglui radikojn aŭ vortojn ĝis novaj vortoj nomiĝas aglutinado. Cetere nur la vortfarado, do ne la aliaj gramatikaj karakteroj, dividas la lingvojn en izolajn, kies vortoj ne povas ŝanĝiĝi nek ricevi finaĵojn aŭ afiksojn, kaj la neizolajn kiuj dividiĝas en du grupojn, la analizaj lingvoj (itala, franca, ktp) kaj la sintezaj lingvoj, la aglutinaj lingvoj, ekz. la ĝermanaj kaj Esperanto.

Kelkaj Esperantistoj, inter kiuj la franca Esperantologo Cherpillod, malĝuste nomas Esperanton izola lingvo. Ĝi certe ne estas. Ili mise rezonas, ke ĉar Zamenhof, cetere nesaĝe, proponis ke eĉ la gramatikaj finaĵoj estas memstaraj radikoj kaj vortoj, oni ĉe analizado enkalkulas tiujn finaĵojn kiel ĉefelementojn, kaj tiel montras returnan vicon de ĉefelementoj ne plu ŝanĝeblaj kaj tial, laŭ ili, "izolaj". Renversante la fenomenon, ili forgesas, ke en izola lingvo la radikoj/vortoj ne nur ne povas ŝanĝiĝi sed neke povas kunmetati kun aliaj vortoj aŭ radikoj aŭ afiksoj aŭ finaĵoj. Do Cherpillod devas serĉi alian nomon por lingvo kia Esperanto, kie ne nur la afiksoj povas juĝati kiel memstaraj radikoj, sed eĉ la finaĵoj, se oni volas. Taŭga titolo por tiaj lingvoj, anstataŭ la malĝusta "izola", estus "apartiga lingvo", certe ne "izola", kiun vorton oni uzas por alia speco de lingvoj. Sed mi nomus ilin, inkluzive de Esperanto , "superaglutinaj lingvoj", ĉar ili aplikas la aglutinecon al multe pli da specoj de aglutinado, inkluzive, se oni volas, la aglutinadon de la finaĵoj, ol la etnaj aglutinaj lingvoj.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3ZZZ** En la elsendo de la 13a de Marto vi trovos informojn pri la ILEI konferenco 2017 en Busan , pri la dorlotbestoj, katoj kaj hundoj, kaj iom da historio



Informis la kunvokanto, *Franciska Toubale*